

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

AÑO XVII - Nº 238 MARZO-ABRIL 1980

S-R-M. D-a. Sofía, Reĝino de Hispanujo, Honora Prezidantino de la XL-a Hispana Esperanto Kongreso

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

DIRECTORA:
Dª Mª Aurora Viloria Nieto

DIRECCION Y ADMINISTRACION:
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

REDACTOR JEFE:
D. Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40 - Telf. (93) 3338081
BARCELONA-28

COMITE DE REDACCION:

D. Giordano Moyá
D. V. Hernández Llusera
D. Gabriel Mora y Arana
D. Pedro Nuez


*La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.*


Depósito Legal VA. 616. - 1978
Graf. Andrés Martín, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid


# UTILAJ ADRESOJ

HISPANA ESPERANTO FEDERACIO
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

**Prezidantino**

Mª Rafaela Urueña-Alvarez
Avda. Ramón y Cajal, 12-2º-C
Télf. (983) 260086
VALLADOLID

**Sekretario**

Luis Hernández García
adreso kiel supre

**Kasistino**

Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde 8-8º-A
VALLADOLID

Pagoj sendu al nia Konto
Nº 001.664-0
Caja de Ahorros Popular
Ag. Urbana E.
A. Lorenzo Hurtado, 1
VALLADOLID

LIBRO-SERVO DE H.E.F.

Jacinto Urueña Antón
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

Pagoj por Libro-servo, sendu al
Caja de Ahorros Popular
Oficina Central
Cuenta Nº 042.268-4 a nombre de
LIBRO-SERVO DE H.E.F.
VALLADOLID

ELDONA FAKO

Inés Gastón
Pº de la Constitución, 35-4º
ZARAGOZA-1

INFORMA FAKO

Ramón Molera
Sta. Joaquina, 13
MOYA (Barcelona)

ĈEFDELEGITO DE UEA

Juan Azcuénaga Vierna
Capitán Palacios, 3-4º-N
SANTANDER

# INVITO AL LA KONGRESANOJ

Je la nomo de la Loka Kongreso-Komitato (L.K.K.) de la XL-a Hispana Kongreso de Esperanto kaj de la Madridaj gesamideanoj, mi invitas la hispanajn kaj eksterlandajn esperantemulojn dezirante ilian dinamisman partoprenon dum la kunsidoj de la Nacia Kunveno.

La idealisma celo kiu ĉirkaŭas nian internacian lingvon, ĝia frateco kaj neŭtraleco, kunigas iom post iom la tutmondan simpation al ĝi.

Hispanio, grandaparte malproksimiĝinta dum longa tempo de la Esperanta-Movado, vekiĝas al la unuiĝo, la interkonekto kaj la kunlaborado de la grupoj.

Nia spirito pligrandiĝas ĉiutage danke al ĉies penoj, kaj la rezulto ekvidiĝas kiel ĝenerala intereso al niaj aktivaĵoj. La amaskomunikiloj eĥas nian cirkonstancon kaj ĉiuj ekvidas Esperanton kiel ion akceptindan. Nun estas nia morala devo gvidi la novajn samideanojn kaj kreskigi niajn idealojn en niaj regionoj.

La Kongreso komenciĝos en agrabla etoso. La Madridaj esperantistoj deziras bonvenigi vin persone por interŝanĝi konojn kaj vivspertojn kaj kontenton. Por montri al vi sian urbon kaj klopodi atingi fruktodonajn kunsidojn.

Ĝis baldaŭ, karaj geamikoj.

**Juan Carlos Ruiz Sierra**
**PREZIDANTO DE L.K.K.**

---

# COMITE DE HONOR DEL XL CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

Hasta el momento han aceptado tomar parte del Comité de Honor del XL Congreso Español de Esperanto, que se celebrará bajo la **Presidencia de Honor de S. M. La Reina de España D-a Sofía**, las siguientes personalidades:

Excmo. Sr. D. Adolfo Suárez, Presidente del Gobierno.
Excmo. Sr. D. Antonio Ibáñez Freire, Ministro del Interior.
Excmo. Sr. D. Jaime García Añoveros, Ministro de Hacienda.
Excmo. Sr. D. Ricardo de la Cierva, Ministro de Cultura.
Excmo. Sr. D. Luis González Seara, Ministro de Universidades e Investigación.
Excmo. Sr. D. Salvador Sánchez Terán, Ministro de Transportes y Comunicaciones.
Excmo. Sr. D. Juan José Rosón, Gobernador Civil de Madrid y Provincia.
Excmo. Sr. D. Ignacio Aguirre, Secretario de Estado para Turismo.
Excmo. Sr. D. Enrique Tierno Galván, Alcalde de Madrid.
Ilmo. Sr. D. Manuel Clavero Arévalo, Catedrático de Derecho Administrativo.
Prof. Dr. Humphrey Tonkin, Presidente de la Asociación Universal de Esperanto.

# LA PROBLEMOJ DE L

## (Dek eraroj evitend

La gepatroj ne estas certe la solaj responsuloj pri ĉio kion faras la juna generacio, nek pri la malfeliĉoj kiujn viroj kaj virinoj nepre suferas dum sia kreskado-procezo.

Hodiaŭ, epoko en kiu oni disponas grandegan amason da novaj konoj aplikeblaj al la bezonoj de la infanaro, kelkaj gepatroj venis al kompreno ke se ili povus perfekte uzadi tiajn informojn, ili povus ricevi perfektajn rezultojn. Nenia kvanto da konoj, tamen, povas malebligi la sprucon de malfacilaĵoj; sed ja kono kaj kompreno povas helpi la gepatrojn ke ili sukcesu regi la malfacilajn situaciojn kiam ili prezentiĝos, kaj krome kontribui al tio, ke la rilatoj inter la du generacioj estu pli agrablaj kaj kompensaj.

La manko de koncepto pri tio, kion oni devas esperi, estas la kaŭzo kiu grandparte kondukas multajn gepatrojn al:

### UNUA ERARO

«Senti sin mem plene responsaj pri tio kion iliaj filoj fariĝos».

Tro da gepatroj sentas sin profunde kulpaj pri tio ke ilia infano ne atingas difinitajn nivelojn, arbitrajn aŭ konvenciajn. Ili torturas sin pensante: «Kion ni faris malbone?», «Kion ni ne faris?» kaj en ĉiu krizo riproĉas sin jene: «Se ni estus farintaj ion malsaman en tiu momento!, «ĉu ni rajtas permesi ke ili legis tiel frue tiun libron bildstrion, komikaĵon?», «ĉu ni estus devintaj interrompi lian amikecon kun tiu knabino?».

Estas erari supozi ke ĉiu situacio havas nur unu trafan solvon.

La sentemo de la gefiloj estas kontraŭa al la vana fiereco kiu igas multajn gepatrojn atribui al si la belecon de la filino aŭ la muzikan lertecon de la filo. Nenian meriton oni ŝuldas al la gepatroj por la talento de la gefiloj kiujn ili donis al la mondo, kiel ankaŭ neniun kulpon ili havas pro la eventualaj naturaj nesufiĉecoj de la idoj. Estas erare pensi ke virojn kaj virinojn oni modelas laŭ la volo kaj kaprico de iliaj gepatroj: multaj aliaj influoj agas sur la infanojn, multe da ili ekster la kontrolo de la gepatroj.

### DUA ERARO
«Esperi tro multe tro frue»

Kelkaj gepatroj traktas siajn gefilojn kvazaŭ se ili esperus ke la idoj nepre naskiĝu jam ĝentilaj, malavaraj, veramaj, entreprenemaj kaj amantaj ordon kaj purecon. Tiaj gepatroj sentos sin senkuraĝigitaj kaj eĉ hontigataj. En ĉiu sinsekva fazo de la fila vivo —la kompleta forgemeso de la infano pri higieno, aŭ la koncentriĝo de la adoleskanto pri si mem— tiaj gepatroj agas kvazaŭ se la karaktero de la infano tendencus fiksiĝi en tiu fazo jam por la tuta vivo.

La patrinoj kaj patroj kiuj montriĝas tiel pretaj rapide puni siajn gefilojn pro ties inklino mensogi aŭ ŝajnigi, malfortigas sian probablon influi la gefilan karakteron dum ties formodonaj fazoj. Ili sampempe, detruas la infanan fidon povi iĝi akceptinda homo.

### TRIA ERARO
«Esperi tro malmulte tro malfrue»

Dum multaj gepatroj celas tro alten, aliaj postulas tro malmulte. Ili tiom timas kontraŭi siajn gefilojn, ke ili permesas al ili fari tion kion ili volas. Pro timpo inhibicii la idojn per firma ordono resti kvietaj ĝis la manĝotempo, tiuj gepatroj

EFILOJ

permesas ilin kuri tra la hejmo en la unuaj horoj de la mateno, kaj kun la radio sintonizita en la preferataj infan-programoj.

Ĉar tiu gepatroj ne naskigas en siaj gefiloj la ideon ke en ĉiu aĝo oni havas devojn, ili ne devus poste surpriziĝi ke iliaj gefiloj kreskas sen estima respekto al aliuloj.

KVARA ERARO
**«Rifuzi akcepti ĉiun infanon tian, kia li estas»**

Iu patrino seniluziiĝas se ŝia filineto estas vulgara homo anstataŭ belulino kun vivecaj okuloj kaj onda hararo. Tiu patro ĉagreniĝas ĉar lia filo ne iĝis atletego. Alia patro restas kun koro disrompita se lia filo ne estas brila studento. Multaj gepatroj prezentas alian infanon kiel ekzemplon (fraton, fratinon, kuzon aŭ najbaron); la sola atendebla efekto estas senkuraĝigi la infanon kaj kulturi malamikecon kontraŭ la brilantan modelon.

La gepatroj kiuj prezentadas al siaj gefiloj la torturantan modelon de ideala infano, trudas malbonan komencon al siaj idoj, malhelpas ilin profiti je tio kio plej gravas por ili, nome, ilia propra personeco.

KVINA ERARO
«Igi siajn gefilojn afektuloj»

Tiuj samaj adoltoj kiuj admiras la ĉarmon de la senartifikaj geknaboj, simplaj, senafektaj, devojiĝas por igi siajn proprajn gefilojn afektuloj. Tuj kiam infaneto kapablas balbuti, liaj gepatroj insistas ke li diru «Kiel vi fartas?» kaj



«Dankon». Estus pli bone atendi kaj permesi ke la infano asimilu niajn socialajn kutimojn, unue per observado kaj poste per imitado.

SESA ERARO
**«Erari pri la rolo de disciplino»**

La gepatroj tro ofte ŝarĝas siajn gefilojn per multegaj reguloj kaj malpermesoj, anstataŭ redukti ilin al minimumo kiun ili devas daŭre atenti kaj plenumi. Ili uzadas minacojn, punojn, rekompencojn kaj aliajn disciplinemajn helpaĵojn, anstataŭ kalme igi siajn idojn kompreni kion la gepatroj volas diri, kaj ke temas pri io bone meditita kaj bona por ĉiuj. La gepatroj, tre ofte subfosas la meritojn de siaj gefiloj per aplikado de severaj admonoj en trivialaj situacioj kaj per ties forgesado iu serioza afero prezentiĝas.

## SEPA ERARO

**«Allasi al la geinfanoj tro da alternativoj, kaj timi diri ne al ili»**

Estas ordinare la «Instruitaj», «modernaj» gepatroj tiuj, kiuj eraras per demandado al la uleto: «Ĉu vi volas enlitiĝi nun, karuleto?». Tiuj gepatroj forgesas ke la «karuleto» neniam volas enlitiĝi. Ili forgesas ke la uletoj iĝas pli kontentaj se tiujn-ĉi malgrandajn —tamen gravajn— decidojn estas farataj de aliaj homoj.

En tiu sama grupo de iluminitaj gepatroj ĝermis, mi ne scias de kie, la ideo ke ni devas neniam diri «NE» al infano. Certe, oni ja devas uzi tiun vorton modere, tamen la gepatroj kiuj eliminis ĝin el sia vortaro, tre ofte venas al la rezulto ke ili timas siajn proprajn gefilojn. En la nomo de la libereco ili permesas ke la gefiloj decidu antaŭ ol esti preparitaj por tio; la geinfanoj decidas tiam, kaprice aŭ arbitre.

## OKA ERARO

**«Klopodi esti kamarado de siaj gefiloj»**

Multaj modernaj gepatroj, kiuj sin turnas kontraŭ la gepatra tipo kiu postulis respekton sen troa merito por ĝi aŭ kiu provis reprezenti la rolon de Dio por sia familio, decidas iĝi kamaradoj de siaj gefiloj. Kion tiaj gepatroj forgesas estas tio ke, kvankam knabino ja ŝatus butikumi kun sia patrino, kaj knabo fiŝkapti kun sia patro, ili ankaŭ ŝatas taksi siajn gepatrojn adoltoj. Ili esperas de la gepatroj la komprenon kiu venas de la natureco, de la perspektivo kaj de la senco pri proporcioj. Ili volas ke iliaj gepatroj establu la normojn, eĉ se ili mem ribelos kontraŭ tiujn. La geinfanoj bezonas rimedojn por propra elspezado; kaj ili tion bezonas tiel urĝe kiel kamaradecon kaj amikecon. Por tiuj rimedoj ili sin turnas al la gepatroj, ne al kamaradoj.

## NAŬA ERARO

**«Ekscese protekti la geinfanojn»**

La modernaj gepatroj montriĝas ekscese zorgemaj rilate siajn idojn. En la epoko kiam la scienco faris grandajn progresojn por la plibonigo de sano, tiuj gepatroj ŝvitas protekti siajn gefilojn kontraŭ ĝermoj, faloj kaj gratvundetoj. Ili timas nesanan ekscitadon kaj la aventuristan spiriton kiuj rezultas de televido, radio, kino kaj bildstrioj. Ĉar estas malfacile gvidi la geinfanojn tra tiu interplektaĵo, ili klopodas tute eviti ĝin. Tiaj malpermesoj estas, certe, neutilaj, kaj ili faras nenion krom profundigi la abismon inter la generacioj. Se ili nur povus, la gepatroj limigus la amikaron de siaj gefiloj al viroj kaj virinoj «indaj», tiel senigante la idojn de diverseco, de kompenso kaj de gajno de pli ampleksaj travivaĵoj.

## DEKA ERARO

**«Vivi por la gefiloj anstataŭ vivi kun ili»**

Neniu generacio de gepatroj ricevos la ĝuon vidi ĝis kioma grado ĝiaj oferoj estis fruktodonaj. Kiam unu generacio rigardas antaŭen por vidi kio estas pri siaj gefiloj, tiuj ĉi okupiĝas en siaj oferoj rilate sian propran idaron.

Tiuj martiraj gepatroj strebadas por la tago kiam iliaj oferoj produktos dividendojn. Ili tiel destiniĝas al seniluziiĝo, car tiu tago neniam alvenos. Pli bone estas gustumi ĉiun tagon tian kia ĝi prezentiĝas; ricevi kontentigon kaj delikon de ĉiu aspekto dum la kreskado de la infano, ĝui la familian vivon dum oni vivas ĝin.

Esti bona patro signifas fariĝi ĉiufoje nepre malpli necesa. Anstataŭ inkliniĝi al la gefiloj, plilongigante ilian dependecon de la gepatroj, tiuj-ĉi devas akcepti la principon ke la gefiloj devas esti memstaraj personoj pro sia propra rajto.

Eĉ la plej bonaj gepatroj eraras. Sed estas la speco de tiuj eraroj ne ilia nombro, kiu gravas. La eraroj pri kiuj ni ĵus parolis ordinare venas de preskaŭ malracia gepatra decidiĝo, kiu tamen celus bonon por la gefiloj.

«La principojn» oni adoptas konscie. La gepatroj neniam malvolvas reale komprenon pri siaj gefiloj, sed nur pri si mem kiel gepatroj.

JULIO BUENO CORTES

# INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ-1980

## 20-a ALVOKO

Dezirante okazigi plue la glorajn INTERNACIAJN FLORAJN LUDOJN, kiuj tiel solene okazadis 19-foje en diversaj urboj de Katalunujo kaj la insulo Majorko, la Kataluna Kunordiga Komitato de la Hispana Esperanto-Federacio ree invitas la esperantistajn poetojn kaj prozistojn ĉiulandajn, konkurse konkuri per siaj verkoj en tiu tradicia Beletra Trobadora Festo kiu celebriĝos en la kadro de la 22-an Kataluna Esperantista Renkontiĝo.

Nunjare estos aljuĝitaj la jenaj PREMIOJ:

POEZIA BRANĈO

1. **NATURA FLORO**, al plej bona am-tema poemo. (Maksimume, 100-versa)
2. **JASMENO**, al plej bona priesperantisma poemo, aŭ al tiu je temo libervole elektita de la aŭtoro. (Maksimume, 100-versa)
3. **VIOLO**, al plej bona humanisma aŭ etika poemo. (Maksimume, 100-versa)

PROZA BRANĈO

**PREMIO** al plej bona novelo. (Maksimume, 2000-2500-vorta)

TRADUKA BRANĈO

**PREMIO** al plej bona traduko, jen versa, jen proza, libervole elektita el kiu ajn katalunlingva verko de moderna aŭtoro. (La tradukinto nepre devas kunsendi fotokopion de la originala teksto).

La poeziaĵoj ampleksu, maksikume, 100 versojn; la prozaĵoj, 750 vortojn.

La Verdikta Konsistorio rajtos, se eble, aljuĝi subpremiojn.

Ĉiu konkursanto bonvolu priatenti la jenan.

REGULARON

1. La verkojn oni sendu, po 4 ekzempleroj nepre tajpitaj je duobla interspaco, nur ĝis la 10-a de julio 1980-a, laŭ la poŝtstampo, al jenaj nomo kaj adreso de la Sekretario: Gabriel MORA i ARANA, str. Carrió, 5, 4. MANRESA (Barcelona) Hispanujo.

2. **Ne rajtas konkursi** tiuj verkoj antaŭe premiitaj, tradukitaj aŭ publikigitaj.

3. La aŭtoroj ne povas subskribi siajn konkursaĵojn; sed, krom la titolo, ili devas skribi specifan moton aŭ pseŭdonimon.
   Ili enmetu slipon kun siaj nomo kaj adreso en apartan fermitan koverton sur kiu estu skribita la titolo, moto aŭ pseŭdonimo, kaj la elektita branĉo.

4. Kvankam oni devas konsideri ke ĉiu aljuĝota Premio estos, esence, nur honora, ĉiu gajninto ricevos, krom Diplomo, valoran esperantan libron aŭ mondonacon, laŭ ebleco.

5. La Sekretario antaŭsciigos al la ĵus premiitoj la Verdikton por ke ili povu ĉeesti la Feston aŭ elekti siajn anstataŭantojn (precipe, la gajninto de la Natura Floro, kiu simbole oferdonos ĝin al la Reĝino de l'Poetoj, kaj ŝin akompanos ĝis la trono).

6. La Organiza Komitato rezervos al si la rajton, dum unu jaro, publikigi la premiitajn verkojn.

**Sabadell, la 15-an de decembro 1979-a**

# NIAJ GRUPOJ

## BILBAO

Pli ol 40 gelernantoj ĉeestas la Elementajn kaj Praktikan Kursojn. Lunde kaj merkrede kunvenas la plej parolkapablaj de ni, por realigi la Praktikan Kurson kaj ĝuste dum tiuj tagoj ni, ofte, ricevas la viziton de niaj samgrupanoj kiuj per tio perfektigas la lingvoscion.

Ankaŭ de la 17-a ĝis la 23-a de Februaro oni festis la Semajnon de Internacia Amikeco per diversaj aranĝoj kaj multaj membroj de nia Grupo sendis bildkartojn al gekorespondantoj kaj geamikoj en la tuta mondo (Laŭ Cirkulero de la Bilbao-a Esperanto Grupo).

## GIJON

En nia urbo estis legalizita nova asocio, nome: ASTURA ESPERANTO ASOCIO, kies nura celo estas ESPERANTO, t.e.: ĝin disvastiĝi per instruado, per praktikado, per propagando, k.t.p., k.t.p. Al ĉi tiu ASTURA ESPERANTO ASOCIO jam aniĝis kvindeko de gesamideanoj, i. a. la membroj de la antaŭa Esperanto-Grupo.

ASTURA ESPERANTO-ASOCIO, kiel memstara kun propra jura identeco, estas oficiale akceptita en la kadro de la Universitato de Oviedo, per aparteno al la «Cátedra Jovellanos de Extensión Universitaria».

La estraro de la nova Asocio jam komencis sian esperantan laboron kaj malfermis progresigan kurson, kiun partoprenas dudeko da gelernantoj gvidate de s-ano Santiago Mulas.

Ni sukcesis ke la semajna ĵurnalo «HOJA DEL LUNES» disponigu al ni ĉiusemajnan angulo-rubrikon sub la titolo «**Atalaya Esperantista**» kies kunlaboraĵoj estas redaktataj de nia samideano Sacramento Collado.

ADONIS

## ALQUERIAS (Murcia)



Membroj de la nova Esperanto-Grupo de Alquerías (Murcia) pozas por BOLETIN.

Tiu ĉi nova Esperanto-Grupo tre vigle aktivas. Gvidate de la juna kaj entuziasma Francisco Miguel Muñoz okazas koresponda kurso kaj por la venonta somero en la sidejo de la Asocio de Najbaroj oni aranĝos Elementan Kurson.

La 24-an de februaro oni organizis renkontiĝon en la kamparo por persone kontakti kun niaj gelernantoj de la koresponda E-Kurso.

F. MUÑOZ

## ALICANTE

Organizite de la Hispana Sekcio de I.L.E.I. kaj de H.E.F. okazis en la sidejo de la E-Grupo tago de esperantista kunviyado, dediĉita al ĉiuj profesoroj pri Ĝ.B.E. de Alicante kaj provinco.

La programo konsistis el: Disdonado de dokumentoj, salutoj, laborkunvenoj, esperantlingva prelego, komuna tagmanĝo kaj vizito de la urbo. Tio okazis la 19-an de Aprilo, sabate. La Ŝparkaso de Alicante kaj Murcia eldonis belajn afiŝojn kaj programojn pri la evento.

## VALLADOLID

La 24-an de februaro okazis rekontiĝo en kiu partoprenis gesamideanoj de Madrid, Palencia kaj Valladolid.

Akceptinte la membrojn de Madrida Esperanto Liceo en la sidejo de «Fido kaj Espero», ni kune iris al la Muzeo de Nacia Skulpturo por viziti ĝin. La viziton ni faris en kvar grupoj, gvidataj de lokaj samideanoj kiuj afable informis la vizitantojn pri la ĉefaj arttrezoroj tie enhavataj. Unu grupon gvidis esperantlingve, speciale por la eksterlandanoj kiuj akompanis la madridanojn, nia kara samideano Luis Hernández, Sekretario de H.E.F.

Post la vizito de la Muzeo, en la Preĝejo Jesuo Pastro Jonás Castro akompanate de du sacerdotoj kuncelebris Sanktan Meson en esperanto. Je la 14,30 ni frate kunmanĝis en centra restoracio. Je la desertoj la Prezidanto de la Grupo S-ano Angel Diez García diris bonvenigajn salutvortojn. Sekve, la Sekretario de H.E.F., pro la multnombraj ĉeestantoj, uzis la bonan okazon por inviti la Prezidanton de la L.K.K. de la XL-a Hispana Esperanto Kongreso, alparoli. Li kuraĝigis ĉiujn aliĝi frue al la Kongreso kaj partopreni ĝin.

Poste, kelkaj vizitantoj akompanate de membroj de la Grupo Fido kaj Espero de Valladolid vizitis la urbon. Dume aliaj havis eblecon aĉeti esperantajn librojn de Libroservo de H.E.F.

Okaze de la vizito de la liceanoj, kunvenis membroj de la L.K.K. kun la Prezidantino kaj la Sekretario de H.E.F.

Fine, la tempo pasis kaj la madridanoj devis reiri Madridon. Ĉiuj restis kontentaj de la agrablaj momentoj kune pasigitaj.

L. H.

# 13-a INTERNACIA RENKONTIĜO DE FREINET EDUKISTOJ

Organizita de la Internacia Federacio de la Movadoj por Moderna Pedagogio (F.I.M.E.M.-Freinet-Pedagogio), la 13-a INTERNACIA RENKONTIĜO DE FREINET-EDUKISTOJ (RIDEF) okazos dum 1980 en **MADRIDO** (Hispanio) de la 17a ĝis la 27a de julio. Por informoj kaj enskribiĝo sin turni al: Baltasar Roman UBEDA, C/ Zurbano 63-6º, MADRID-10, Hispanio.

I.C.E.M.—Esperanto (Komisiono de Kooperativa Instituto pri Moderna Pedagogio) proponas du renkontiĝojn en Francio:

—en **LA TURMELIERE** (inter Angers kaj Nantes), de la 3a ĝis la 14a de aŭgusto 1980, pri studado kaj praktikado de Esperanto, per natura metodo, en ripoziga medio, dum komuna vivo, ekskursoj, promenadoj, vizitoj kaj eventuale renkontoj kun aliaj esp.—grupoj. Por klarigoj kaj aliĝilo sin turni al: Paul POISSON, 239 rue Victor Hugo, ST-CYR-SUR-LOIRE, 37100 TOURS, Francio.

—en **CAUDURO**, apud Béziers; agrabla loko por ripozi kun naturaj aktivaĵoj, homaj kontaktoj, manfaradoj, por geesperantistoj, instruistoj aŭ ne. Restado de la 15a ĝis la 25a de julio 1980. Sin turni al: Joelle HUET, 14 rue Choiseul, 91790 BOISSY/ST-YON, Francio.

# CUENTAS DE TESORERIA 1979

INGRESOS

| | | |
|---|---|---|
| Sobrante año 1978 | 73.418,89 | |
| Cuotas socios 1978 | 124.817,00 | |
| Cuotas socios 1979 | 151.344,00 | |
| Cuotas socios 1980 | 6.800,00 | |
| Entregado por Libro-Servo | 10.000,00 | |
| Venta de Boletines | 450,00 | |
| Beneficio Congreso de León | 7.227,00 | |
| Donativos | 23.846,00 | |
| Varios | 15.651,00 | 413.553,89 |

GASTOS

| | | |
|---|---|---|
| Oficina y Correo | 20.571,00 | |
| Compra de material a Libro-Servo | 2.260,00 | |
| Pagado a U.E.A. (Cuotas 78 y 79) | 22.212,00 | |
| Hipoteca local de Madrid | 22.804,00 | |
| Premio Infantil | 1.000,00 | |
| Imprenta y xerocopias | 285.758,00 | |
| Comunidad y Limpieza | 14.000,00 | |
| Varios | 12.429,00 | |
| Saldo a cuenta nueva | 32.519,89 | 413.553,89 |

Valladolid, 31 de Diciembre de 1979

**Vº Bº**
**M. Rafaela Urueña**
**(Presidenta de H.E.F.)**

**Carmen Conde Labajo**
**(Tesorera)**

# DONATIVOS RECIBIDOS

(Continuación 1979)

| | |
|---|---|
| Emilio Folgado López | 500 ptas. |
| Faustina Martínez | 500 ptas. |
| Félix Gómez Martín | 2.000 ptas. |

DONATIVOS 1980

| | |
|---|---|
| Pedro Alcedo Pico | 500 ptas. |
| Manuel Ruiz Maza | 150 ptas. |
| Salvador Gumá Clavell | 250 ptas. |
| José Sarda | 250 ptas. |
| Jaime Perarnau Rivera | 1.000 ptas. |
| Juan Azcuénaga Vierna | 100 ptas. |
| Antonio Costa Bonet | 250 ptas. |
| Antonio Gamboa y Sánchez | 5.000 ptas. |
| Paloma Enriquez de Salam. | 500 ptas. |
| Manuel Alcubilla Gallardo | 500 ptas. |
| Abelardo Benet | 400 ptas. |
| José Gúzman Gúzman | 100 ptas. |
| Arturo Ruiz | 100 ptas. |
| Juan Salva Castella | 500 ptas. |
| Suma y sigue | 9.600 ptas. |

DONATIVOS PARA EL F.A.L.P.

| | |
|---|---|
| Florentino Fuentes Blas | 500 ptas. |
| Pilar Saiz Vaquero | 500 ptas. |
| Suma y sigue | 1.000 ptas. |

SOCIOS PROTECTORES PARA 1980

1. María Rafaela Urueña Alvarez (Nº 1.904).
2. Esperanto Fako Martinense (Nº 80).
3. José Manuel Pinedo (Nº 1.829).
4. Miguel Gutiérrez Aduriz (Nº 2.097).
5. Juan Azcuénaga Vierna (Nº 1.432).
6. Abelardo Benet (Nº 2.217).
7. José Lerroux Torres (Nº 373).
8. Fernando Prieto León (Nº 2.128).

# Resumen de cuentas de la Sección Editorial de la Federación Española de Esperanto - 1979

INGRESOS:

| | |
|---|---|
| Saldo a favor en 1978 ................................ | 9.176,00 pesetas |
| Por venta de material ................................ | 25.310,50 pesetas |
| | 34.486,50 pesetas |

GASTOS:

| | |
|---|---|
| Aportación de la S.E. para la edición de «XVIII-aj Internaciaj Floraj Ludoj» ........................ | 25.574,00 pesetas |
| Vocabularios de Esperanto regalados por la S.E. de la F.E.E. al I.N.L.E. para la Exposición de Diccionarios (3) ........................................ | 400,00 pesetas |
| Pago Inst. Nac. del Libro Español .................. | 900,00 pesetas |
| Correo ............................................ | 998,50 pesetas |
| Papel y sobres, fact. nº 02904 ...................... | 1.027,00 pesetas |
| Papel embalar y cuerda ............................ | 360,00 pesetas |
| | 29.259,50 pesetas |

RESUMEN:

| | |
|---|---|
| Ingresado ........................................ | 34.486,50 pesetas |
| Gastado .......................................... | 29.259,50 pesetas |
| Saldo a favor ...................................... | 05.227,00 ptas. |

---

La edición de «XVIII-aj Internaciaj Floraj Ludoj» pudo hacerse este año, gracias a una aportación extraordinaria que hay que ir reintegrando, por lo que no figura en las cuentas generales de la sección.

**Zaragoza a 31 de diciembre de 1979**
**Inés Gastón**

# IOM PRI NIA ĈIJARA KONGRESURBO


«La fama Pordo Alcalá».

La deveno de Madrid ne estas konata historie. Oni multe diskutis pri la antikva Mantua Carpetanorum, kiun oni opiniis situanta sur la loko kie nuntempe situas la ĉefurbo de la Lando.

Laŭ arabaj kronikoj aperis por la unua fojo la nomo «Magerit» dum la regado de la Emiro Mahometo la I-a. La kristana Reĝo Ramiro la II-a atakis kaj konkeris ĝin nedaŭre, kaj estas la Reĝo Alfonso la VI-a kiu en 1083 definitive konkeris Madrid-on por la kristanoj, kiam li translokis la limon ĝis la rivero Taĥo.

Madrid situas en la geografia centro de la duoninsulo, je 650 m. sur la marnivelo. Pri la madrida ĉielo sufiĉas diri ke ĝiajn helajn bluajn nuancojn perfekte pentris la genia hispana pentristo Velázquez. De tiam oni nomas «Velazqueño» la belan ĉielon de Madrid.

La «Puerta del Sol» estas la centro de la urbo, kaj ĉiuj ŝoseoj kiuj disradias al la landa periferio havas sian kilometron nulo en tiu punkto. Ĝi estas placo kies etoso estas tre populara kaj ĝi estas centra nodo de la metroo.

Madrid posedas belajn avenuojn, belegajn placojn kaj rilate al monumentoj, ili estas multaj admirindaj kaj vizitindaj kiel vi povos konstati dum via restado en Madrid dum la Kongreso.

## ORGANIZA KOMITATO DE LA XL-a H.E.K.

PREZIDANTO: Juan Carlos Ruiz
VICPREZIDANTO: Juan Astrain
SEKRETARIO: José Luis García
KASISTO: Augusto Casquero
VOĈDONANTOJ: Clara Esteban
Carmen Dávila
Isabel Redondo
Gian Carlo Fighiera
Pilar Solé

# LASTMOMENTA SCIIGO

La O.K. de la 40-a Hispana Esperanto Kongreso informas nin:

**LOĜADO**

Por faciligi la restadon de la gekongresanoj ni petis prezojn en Studentaj Restadejoj «(Colegios Mayores) kaj nun ni, plezure, informas vin ke la prezo, ĉio inklukzive, estos tage inter 850 kaj 900 p-toj. Por ke vi havu eblecon profiti tiun malaltan prezon estas necese ke vi tuj aliĝu al la Kongreso kaj en ĝi vi indiku la frazon «STUDENTAJ RESTADEJOJ».

Do, tuj plenigu la aliĝilon kaj sendu ĝin al la O.K. Atocha 98, 4º MADRID-12, ne forgesante mencii la frazon «STUDENTAJ RESTADEJOJ» se vi deziras loĝi en ili.

# HISPANA E-ASOCIO «ANTON BALAGUE» LEGALIZITA

En la ŝtata kadro naskiĝis, legalizita de la koncerna Ministerio, Hispana Esperantista Asocio «Antón Balagué», kies celoj estas tiuj samaj de MONDPACA ESPERANTISTA MOVADO, kies aliĝinta membro ĝi estas. La celoj estas: labori por efektiva PACO: kontraŭstari vetarmadon; postuli ĉesigon de fabrikado de ĉiaj armiloj, precipe atom —hidrogen— kaj neŭtron-amasmortigaj; batali por pli justa sociordo, libera, sen diskriminacio, kio ja estas necesa premiso por atingi pacon.

Hispana E-Asocio «Antón Balagué» tute ne celas konkurenci kun Hispana Esperanto Federacio, sed kontraŭe ĝi deziras kaj pretas ŝultre ĉe ŝultre kun H.E.F., disvastigi Esperanton, ĉefe en la pacistaj rondoj, ĉar ja Esperanto naskiĝis kiel por-paca rimedo, kaj devizo de M.E.M. estas «Esperanto en servo de la Monda Paco».

Al Hispana E-Asocio «Antón Balagué» povas (eĉ mi kuraĝus diri devas) aparteni ciu homo, kia ajn estas lia sinteno rilate politiko, religio k.t.p. kiu konscias pri tio ke oni nepre devas ĉian eblecon pri milito forigi de sur la surfaco de nia terglobo.

Adreso de tiu nova Asocio estas: Str. Font Nova 32 SABADELL (Barcelona).

**ADONIS**

# NOVAĴOJ DE LIBROSERVO DE H.E.F.

Mi estas Asteriks la Gaŭlo. Ĉu vi scias ke vi jam povas mendi ĉe Libro-Servo de H.E.F. la libron pri miaj aventuroj, esperantlingve?

Tuj mendu ĝin! La prezo estas 392 p-toj. Krome, Libroservo de H.E.F. havas je via dispono gramatikojn, vortarojn, novelojn, infanan literaturon, emblemojn, ŝlosilujojn k.t.p. Mendu senpagan katalogon.



# NOTAS DE INTERES PARA TODOS LOS FEDERADOS

## CONGRESO NACIONAL DE ESPERANTO

Nuestros compañeros de Madrid trabajan con enorme interés y entusiasmo para que el Congreso resulte memorable. La Directiva recomienda se inscriban lo más pronto posible ya que de este modo colaboramos y ayudamos al Comité Organizador. Aquellas personas que por cualquier circunstancia no hayan recibido la hoja de inscripción, solicítenla a la Secretaría de la Federación.

## CORRESPONDENCIA

Se ruega a todas aquellas personas que nos escriben, lo hagan a la dirección correcta, que es en cada caso la que figura en la página dos del BOLETIN, teniendo en cuenta indicar la palabra Federación E. de Esperanto cuando la correspondencia la dirijan a la sede de la misma. Si por cualquier motivo lo hacen al domicilio particular de cada miembro de la Directiva, rogamos lo hagan indicando en el sobre el nombre de la persona a quien dirigen la correspondencia sin necesidad de ninguna otra indicación. Rogamos tengan en cuenta estas normas que son en bien de todos, ya que de no ser así la correspondencia puede sufrir demoras innecesarias e incluso correos lo puede devolver al interesado.

## CONGRESO DE BRASILIA

Cuantas personas deseen inscribirse como participantes en el Congreso Universal de Esperanto de 1981 a celebrar en la capital de Brasil pueden solicitar de la Secretaría de la Federación Española de Esperanto la correspondiente hoja de inscripción.

## DIRECTORIO

A pesar de que la Directiva de la Federación es consciente de la necesidad de editar un nuevo Directorio, en estos momentos no se puede llevar a la práctica, dado el gran número de calles de las distintas ciudades de España que están cambiando de denominación.

## REPORTAJES PARA BOLETIN

Rogamos a todos los Grupos y Secciones, así como a los esperantistas en particular, que cuando organicen o participen en algún acto esperantista (Conferencias, encuentros, Congresos, etc.) nos envíen a la mayor brevedad posible el reportaje sobre el acontecimiento a fin de que pueda aparecer en fecha idónea en el Boletín. Agradeceríamos que junto al reportaje se envíase foto.

# KLARIGO

Nia amiko kaj kunlaboranto S-ano Salvador Gumá petas al ni la publikigon de la jena noteto:

«En la prikongresa raporto de Salvador Gumá aperinta en la Nº 235-236 Septembro-Decembro de Boletin (j. 1979-a) ial enŝoviĝis eraroj, kiujn li ne faris nek povis antaŭkorekti».

# PRI LA UZO DE LA KOMO

## (Traduko de elektitaj paragrafoj fare de Sergio Docal)

El Harbrace College Handbook (Universitata Lernolibro de Harbrace) 4-a eldono, paĝo 126:

«Ne-restriktivaj subfrazoj estas indikataj per komoj. Restriktivaj subfrazoj **ne** (substreko de SRD).

Adjektivaj subfrazoj prezentataj per "kiu", "kiuj", ktp estas nerestriktivaj (indikataj per komoj) kiam ili nur aldonas sciigon pri io jam identigita. Tiuj subfrazoj estas parentezaj; ili ne estas esencaj al la signifo de la ĉefa eldiro, kaj povas esti ellasitaj. Ekz:

Mia patrino, kiu vizitas min, estas survoje al Novjorko.

Henry Smith, kiu estas mallaborema, perdoŝ sian postenon.

Florenco, kiun li tuj poste vizitis, estis tiam disŝirita de kontraŭaj partioj.

Restriktivaj subfrazoj **ne** estas indikataj per komoj. Adjektivaj subfrazoj prezentataj de "kiu", "kiuj", ktp. estas restriktivaj (ne indikataj per komoj) kiam ili estas bezonataj por la identigo de la vorto kiun ili modifas. Tiaj subfràzoj restriktas aŭ limigas la signifon de la frazo kaj ne povas esti ellasitaj. Ekz:

Patrino kiu ne amas sian filon estas malhumana.

Junulo kiu estas mallaborema meritas perdi sian postenon.

La urbo kiun li tuj poste vizitis estis Florenco».

El la sama libro (Harbrace College Handbook), paĝo 137:

«Ne uzu komojn por indiki restriktivajn subfrazojn. En la sekvantaj frazoj la komoj montrataj inter krampoj devus esti ellasitaj:

Viro (,) kiu esperas sukcesi (,) devas pene labori.

Viro (,) kiu estas mallaborema (,) ne povos sukcesi.

Iu ajn havanta problemojn diferencigi inter restriktivaj kaj nerestriktivaj subfrazoj devas laŭte legi la ilustrigajn frazojn supre montritajn, kaj noti la mankon de paŭzo antaŭ restriktivaj subfrazoj, kaj la difinitajn paŭzojn kiuj indikas nerestriktivajn subfrazojn. La "paŭzprovo" povas helpi, sed eĉ pli konkludiga provo estas legi la frazon sen la subfrazo».

(Mi kredas ke mi povas montri la diferencon pli bone se mi faros du frazojn uzante precize la samajn vortojn, unue en nerestriktiva formo:

«Miaj fratoj, kiuj estas pli maljunaj ol mi, ricevos po $ 1.000».

Ĉi tiu frazo estas nerestriktiva ĉar ĉiuj miaj fratoj, sen esceptoj kaj restriktoj, ricevos po $ 1.000. Se ni forigus la subfrazon «kiu estas pli maljunaj ol mi» ne estiĝos ŝanĝon en la tuta signifo. Ankoraŭ miaj fratoj ricevos po $ 1.000. La vortoj inter komoj nur aldonas la neesencan sciigon ke miaj fratoj estas pli maljunaj ol mi.

Nun en restriktiva formo:

«Miaj fratoj kiuj estas pli maljunaj ol mi, ricevos po $ 1.000».

Miaj $ 1.000 ne estos nun donataj sendistinge al ĉiuj miaj fratoj. La frazo tiel skribita fakte signifas ke mi ja havas pli junajn fratojn, kaj ili ne ricevos po $ 1.000. Ĉi tiuj donacoj estas nun restriktitaj al tiuj inter miaj fratoj kiuj estas pli maljunaj ol mi, kaj do la vortoj «kiuj estas pli maljunaj ol mi» ne povas esti ellasataj, tio estas, ne povas esti inter komoj, ĉar ili nun iĝis tre gravaj.

Oni povas vidi kiom grava la komo, aŭ ĝia manko, povas esti. En la unua ekzemplo ĉiuj fratoj miaj ricevos po $1.000 kaj mi ne havas fratojn pli junajn ol mi. En la dua ekzemplo mi ja havas fratojn pli junaj ol mi, kaj ne ĉiuj miaj fratoj ricevos $ 1.000. Kiam oni diras ke en iu ajn lingvo komoj devas nepre aperi kaj en restriktivaj kaj en ne-restriktivaj subfrazoj, kaj do oni ne povas estigi tiun gravan diferencon, oni fakte akuzas tiun lingvon esti malperfekta kaj nekapabla esprimi eĉ sufiĉe elementajn pensojn).

Modern English Usage, de Fowler, avertas la legantojn kontraŭ «eraroj kiujn sperto montras ĝeneralaj»:

La disigo de nedisigeblaĵoj, ekz. difinan relativon for de sia precedento, aŭ esencan modifon dise de tio kiu ne povas resti sen ĝi. Ekz:

"Ekzistas iu literaturo pri skot-kimra

poezio kaj prozo, kvankam tro malsufiĉe priatentata,' eĉ ene de la skotaj landlimoj, ĉar skotoj, kiu ignoras tian literaturon, ne meritas tian nomon" (devus esti ĉar skotoj kiuj ignoras tian literaturon ne meritas tian nomon") ("kiuj" estigas aŭ komencigas difinan relativan subfrazon kaj do ne devas esti disigita de sia precedento per komo).

"La korekta kaj sana atmosfero en ĉi tiu lando, same kiel en ĉiuj aliaj, kie pago estas kutima, estas ke ĝi estas normala okazaĵo en la parlamenta vivo" (devus esti "same kiel en ĉiuj aliaj kie pago estas kutima...").

"Lokataj, kiel ni estas, kun niaj vastaj kaj variaj transmaraj posedoj..." (devus esti "lokataj kiel ni estas, kun niaj...". Ni ne skribas "kie, ni estas lokataj?" sed "Kie ni estas lokataj?" La "kiel(a)" subfrazo estas ekzakte paralela kaj tiom esenca kiel la "kie(a)".

Eraraj uzoj de komoj estas ankaŭ montrataj en la libro WORDS INTO TYPE (Vortoj en Presliterojn), Appleton-Century-Croft, paĝo 275:

«Ne uzu komon **antau nek post** la konjunkcio "ke" en frazoj jene konstruitaj (substreko de SRD):

**Erare**: Sed la verkisto opinias, ke por mezaj altlernejaj klasoj tri deklamoj estos postulataj.

**Korekte**: Sed la verkisto opinias ke por mezaj altlernejaj klasoj tri deklamoj estos postulataj.

**Erare**: Povas esti facile vidite ke, kiam tiuj kvantoj estas taksataj tro alte, posedantoj povas bankroti.

**Korekte**: Povas esti facile vidite ke kiam tiuj kvantoj estas taksataj tro alte, posedantoj povas bankroti.

Kaj en College Handbook of Composition (Universitata Belarta Lernolibro), de Wooley kaj Scott, 4-a eldono, p. 248:

«Noto 2.—Ne metu komon post "li diris" ktp. kiam la citaĵo kiu sekvas estas malrekta:

**Erare**: La boatestro diris, ke la rado estas difektita.

**Korekte**: La boatestro diris ke la rado estas difektita.

**Erare**: Mi ĉiam supozis, ke la ĉefo kulpis.

**Korekte**: Mi ĉiam supozis ke la ĉefo kulpis.

**Erare**: Ili diris al mi, kiel ili eskapis.

**Korekte**: Ili diris al mi kiel ili eskapis.

Pli el la Harbrace College Handbook, paĝo 135:

«Ne uzu komon por disigi la subjekton kaj sian verbon, aŭ la verbon kaj sian objekton, aŭ adjektivon kaj sian substantivon».

Ni vidu kiom da malnecesaj komoj ŝveligas la paĝojn de famega nova vortaro kaj malfaciligas ĝian komprenon:

**Angulo**: Ne fermita spaco, troviĝanta inter du rektoj...

**Ankoneo**: Muskolo, fiksita al epikondilo kaj al ulno...

«Troviĝanta» kaj «fikzita»,, ĉu adjektivoj, ĉu verboj, ne devus esti disigitaj per komoj de siaj substantivoj «spaco» kaj «muskolo» respektive. Kaj kial:

**Anemometro**: Instrumento, por mezuri la rapidecon de la vento...

**Aneto**: Herbo, kies spicaj folioj...

**—Ant.**— Suf. signifanta, ke la ago jam komencigis...

**Ante**: Responda adv. uzebla nur, kiam la subjekto...? Ekzercaro pri uzo de la komo laŭ la antaŭaj reguloj:

«Mi supozas ke Johano plendis, ĉar lia filino ploras».

«Mi supozas ke Johano plendis ĉar lia filino ploras».

Kvankam la du supraj aspektas tre similaj, laŭ la unua ni scias ke la filino de Johano ploras, sed ni ne scias ĉu Johano plendis (ni nur supozas). Laŭ la dua, ni ja scias ke Johano plendis, sed ni ne scias la kialon. Ni supozas ke ĝi estas ke lia filino ploras.

«Petro resaniĝis ĉar li banadas sin en la maro». (Petro resaniĝis. La mara akvo resanigis lin).

«Petro resaniĝis, ĉar li banadas sin en la maro». (Petro resaniĝis, ĉar li banadas sin en la maro». (Petro resaniĝis. Ni tute ne scias kio resanigis lin. Sed ni scias ke li resaniĝis pro tio ke li ne plu kuŝas en lito, sek kuraĝas eĉ bani sin en la maro).

«S-ro Perrotta estas paciento de D-ro Moskati kiu estas rekomendita por sanktuligo far Papo Paŭlo la VI-a».

La frazo tiel skribita signifas ke S-ro Perrotta (ne D-ro Moskati) estas rekomendata por sanktiigo, tio estas, li eble iĝos sanktulo laŭ la Katolika Eklezio.

«S-ro Perrotta estas paciento de D-ro Moskati, kiu estas rekomendita por sanktuligo far Papo Paŭlo la VI-a».

La frazo tiel skribita signifas ke D-ro Moskati (ne S-ro Perrotta) estas rekomendata por sanktuligo.

«Viroj, kiuj venos kun siaj edzinoj, devos pagi duoble».

«Ĉi tiu signifas ke ĉiuj viroj estas devigataj alveni ien kune kun siaj edzinoj, kaj ke ili devos pagi duoble la enirprezon (ekzemple, de sola virino).

«Viroj kiuj venos kun siaj edzinoj devos pagi duoble».

Ĉi tio signifas ke viroj rajtas iri sola kaj ne nepre akompanataj de siaj edzinoj. Tamen, tiuj kiuj ja venos kun siaj edzinoj pagos duoble.

«Mia nova seĝo, staranta en tiu angulo, estas difektita».

Ĉi tiu frazo nepre signifas ke mi havas nur unu novan seĝon, kaj ke ĝi estas difektita, kie ajn ĝi troviĝas. La loko kie ĝi staras estas tute malgrava, pro tio ke ĝi estas inter komoj.

«Mia nova seĝo staranta en tiu angulo estas difektita».

Ĉi tiu frazo nun signifas ke mi havas plurajn novajn seĝojn, sed el ili nur tiu kiu staras en la montrata angulo estas difektita. La klarigo pri la loko kie la seĝo staras, alivorte, estas nun esenca por identigi la difektitan seĝon, kaj ne povas esti inter komoj, ĉar ni scias ke la subfrazoj inter komoj povas esti forviŝitaj sen ŝanĝo en la signifo.

Ni vidu kion eta komo povas fari: Sergio Docal naskiĝis en nove konstruita domo en la N-ro 46 de la Strato de Sankta Jozefo, en Havano. Baldaŭ poste, la kutimo naski bebojn hejme ĉesiĝis. Tutcerte Sergio Docal estas la sola homo kiu naskiĝis en tiu adreso. Do, oni rajtas diri:

«Sergio Docal, la plej granda kubana muzikisto kiu naskiĝis en Sankta Jozefo #46, Havano, ludis la himnon "La Espero"».

Aldonu la komon kiun multaj aldonas antaŭ ĉiu «kiu» kaj la frazo enhavos gravan eraron:

«Sergio Docal, la plej granda kubana muzikisto, kiu naskiĝis en Sankta Jozefo #46, Havano, ludis la himnon "La Espero"».

Ĉi tiu lasta frazo estas erara ĉar laŭ ĝi Sergio Docal estas la plej granda kubana muzikisto, kiam la intenco estis diri ke li estas nur la plej granda (kaj la sola) naskita en Sankta Jozefo #46. La unua formo, bedaŭrinde, estas ĝusta.

El eldonaĵo de la Internacia Esperanto-Centro de la Mondcivitanoj:

«Nuklea akcidento estas neevitebla. Ni ne plu povas servi industrion, kiu minacas ĉiujn venontajn generaciojn».

Ĉi tiu frazo estas erara ĉar ĝi kulpigas ĉiuspecajn industriojn pro iu minaco. Ni ja ne povas vivi sen industrio. Legante la tutan artikolon, oni vidas ke la verkisto intencis kulpigi nur unu industrion: la automenergian. La frazo, do, devus esti.

«Ni ne plu povas servi industrion kiu minacas ĉiujn venontajn generaciojn».

«La filo de la instruisto, kiu alvenis malfrue, ne estis akceptita».

Laŭ ĉi tiu frazo, la filo alvenis malfrue. Se la instruisto mem alvenis malfrue, ni devas **diri kaj skribi** «La filo de la instruisto kiu alvenis malfrue ne estis akceptita».

«Korto de la sama kastelo kiu aperas en la koverto».

Kio aperas en la koverto? Kastelo.

«Korto de la sama kastelo, kiu aperas en la koverto».

Kio aperas en la koverto? Korto.

«Ni aŭskultis la fluajn vortojn de la aŭstria Prezidento, Franz Jonas».

«Ni vizitis la belan monumenton al la hungara poeto, Petofi».

Kvankam la du supraj frazoj aspektas tre simile konstruitaj, la unua estas korekta kaj la dua erara. La komo antaŭ la nomo Franz Jonas signifas ke tiu homo jam estas sufiĉe identigita, ĉar estis nur unu Prezidento en Aŭstrio, kaj lia nomo ne estas necesa. Se ni forigus la komon («Ni aŭskultis la fluajn vortojn de la aŭstria Prezidento Franz Jonas») la frazo signifus ke tiam Austrio havis plurajn prezidentojn, kaj ke inter ili ni aŭskultis nur tiun nomatan Franz Jonas.

La dua frazo estas erara ĉar la komo indikas ke la nomo Petofi ne estas necesa. Tiu frazo fakte diras ke en Hungario naskiĝis unu nura poeto, Petofi, kio, kompreneble, estas malvero. La korekta frazo estas «Ni poste vizitis la belan monumenton al la hungara poeto Petofi».

«Ĉiuj patrinoj, kiuj malamas siajn infanojn, iros al la infero».

«Ĉiuj patrinoj kiuj malamas siajn infanojn iros al la infero».

Pro tio ke sub-frazoj inter komoj estas ne-esencaj kaj povas esti ellasitaj sen ŝanĝo en la signifo, la unua frazo simple signifas ke ĉiuj patrinoj iros al la infero. La subfrazo inter komoj nur aldonas la neesencan —kaj eraran— sciigon ke ĉiuj patrinoj malamas siajn infanojn.

Nur la dua frazo estas ĝusta laŭ la reguloj donitaj de mondfamaj gramatikistoj en la antaŭa paĝo, ĉar ĝi signifas ke inter ĉiuj patrinoj, nur tiuj kiuj malamas siajn infanojn iros al la infero.

# WILLIAM AULD PREZIDANTO DE LA AKADEMIO DE ESPERANTO

Fine de oktobro, la ĝisnunaj prezidanto kaj sekretario de la Akademio de Esperanto dissendis cirkulerojn pri la rezulto de la elektoj por la nova estraro, ĝi estas la jena:

Prezidanto: Wiliam Auld, elstara verkisto vicprezidanto de UEA, eseisto kaj redaktoro de Brita esperantisto.

Vicprezidantoj: Paul Neergaard, botanikisto kaj Stojan Ĝujev, muzikologo.

Sekretario: Albert Goodheir, poeto kaj tradukisto.



De la decembra numero de «Esperanto» ni elĉerpas la unuajn liniojn de grava artikolo de la ĵus nova Prezidanto s-ro William Auld. La nomo de la menciita artikolo estas «LA FORTO DE LA HISTORIO».

Kiam mi naskiĝis, Esperanto estis 37-jara. Kiam mi eklernis Esperanton ĝi estis 50-jara (Kvankam mi ne sciis tion). En 1974 Esperanto estis 60-jara, kaj hodiaŭ ĝi ekzistas jam 92 jarojn kaj proksimiĝas al sia centjara jubileo.

Tio signifas, ke la lingvo Esperanto havas historion pli longan ol estas la memoro de iu ajn vivanta parolanto de la lingvo. Venis, iris, vivis kaj mortis sennombraj esperantistoj, el kiuj ne malgranda nombro suferis aŭ pereis kiel martiroj pro la fakto mem, ke ili parolis nian lingvon kaj aktivis en nia movado.

S. A.

---




# HISPANLINGVA PRELEGO DE LA PREZIDANTINO DE H.E.F.

Okaze de la jara Kampanjo kontraŭ la Malsato en la Mondo, kaj invitata de la Delegitino en Valladolid, la pasinta 7-an de februaro, la Prezidantino de H.E.F., Profesorino pri Internacia Juro en la Universitato de Valladolid, D-rino M-a Rafaela Urueña, prelegis en la Salono de la Urba Delegacio pri la temo «La Tria Mondo postulas Novan Internacian Ordon».

Ŝi komencis sian paroladon farante historion pri la rajto de la popoloj al la propra disvolviĝo, kaj tiu rajto jam estas rekonata en la Ĉarto de la Unuiĝintaj Nacioj, evoluante samtempe kun la sendependenco de multaj nacioj ĝis 1974 pere de la Deklaracio de la Unuiĝintaj Nacioj pri Nova Internacia Ekonomia Ordo. Sekve, ŝi klarigis kelkajn ideojn, surbaze de la opinioj de gravaj internaciistoj kiel la nuna Sekretario de U.N. D-ro Waldheim, kiuj asertas la nepran neceson de tiu Nova Internacia Ordo.

Fine, ŝi emfazis la grandan laboron, kiun plenumas la asocioj kiel la Kampanjo kontraŭ la Malsato en la Mondo kiuj pere de specifaj agadprogramoj kontribuas al la disvolviĝo de tiuj celoj.

Je la fino, S-ino Urueña ricevis fortan aplaŭdadon.

Ĉeestinto

# 65-a UNIVERSALA KONGRESO EN STOKHOLMO

La tutmonda esperantistaro kunvenos ĉijare en la sveda ĉefurbo por tien okazigi la 65-an U.K. sub la Alta Protekto de S-ro Ingemund Bengtsson, Prezidanto de la Sveda Parlamento.

La urbo fondiĝis en la mezo de la 13-a jarcento, sur insulo, en la mallarĝa konekto inter la granda lago Malaren kaj la Balta Maro. Gia strategia situo faris ĝin·armee signifa, sed ankaŭ la komerco floradis. Stokholmo ne estis ĉefurbo de Svedio antaŭ la mezo de la 16-a jarcento, sed dum la 17-a jarcento ĝi forte kreskis kaj povis imponi eĉ al vizitantoj el pli sudaj landoj. Stokholmo estiĝis ĉefurbo de la tiama grandpotenco (1611-1718) Svedio, kiu povis konsideri la Baltan Maron kiel sian internan «lagon».

La urbon beligis barokaj palacoj, kun ega superfluo en la fasadoj de la burĝaj domoj.

Dum la kongreso, la vizitantoj povos ĝui allogajn kaj tre interesajn ekskursojn. Tiel kvarfoje dum la semajno okazos ekskursoj al Wasa kaj Waldemarsudde dum kiu la ekskursontoj povos viziti la reĝan batalŝipon «Wasa» kiu dum sia inaŭgura veturo en 1628 subakvigis en la akvoj de Stokholmo. En 1961 tiu sama ŝipo estis retrovita en tre bona stato, elakvigita kaj restaŭrita. Oni povas viziti ĝin en speciala muzeo, kiu ekspozicias la tutan ŝipon el ligno. Ankaŭ en tiu ekskurso oni vizitos Waldemarsudde kiu estis hejmo de la sveda princopentristo Eugen. Nun ĝi estas arta muzeo, kiu enhavas grandan kvanton da pentraĵoj. Aŭtoĉara veturo al ambaŭ lokoj permesos vidi grandan parton de Stokholmo.



Urbodomo de Stokholmo (Svedujo).

Ankaŭ kvarfoje la kongresontoj povos ekskursi al Drottningholm, reĝa palaco konstruata inter 1662 kaj 1699 laŭ desegno de la sveda arkitekto Tessin. Oni konservas multaj salonoj kaj loĝĉambroj laŭ la tiutempa aranĝo. La palacon ĉirkaŭas grandega parko kun trideko da aliaj konstruaĵoj. El ili oni vizitos la «ĉinan palacon» el la jaro 1763.

La O.K. de la Kongreso proponas al ni por la tuttaga ekskurso tri eblecojn. Unu estas vojaĝo per ŝipo tra la insularo de Stokholmo; alia estas vizito al la sveda urbo Upsala, kie i.a. oni vizitos la katedralon, la kastelon kaj la universitatan bibliotekon; kaj la tria ebleco estas vizito al la urbeto Mariefred kaj al la kastelo Gripsholm.

Do, tre interesaj ekskurseblecoj kiu permesos nin koni allogaĵojn de la norda lando Svedio.

# RENKONTIĜOJ KAJ KUNVENOJ

## RENKONTIĜO EN MURCIA

La ĉijara renkontiĝo de la Esperanto-Grupoj de la Orienta Regiono okazos la 18-a de Majo (dimanĉe) en la Kulturdomo de Murcia.

La programo konsistos el malfermo, salutvortoj de la delegitoj, arta programo kaj prezentado de la hispanlingva traduko de la prelego de Marie Therese Mas en la Simpozio de I.L.E.I. okazinta en la lingvistika fako de la Universitato René Descartes (Sorbona) de Parizo pri «Avantaĝoj de la lingvo internacia en sistemo por aŭtomata rekono de la parolo». Ankaŭ estas antaŭvidita komuna tagmanĝo en populara restoracio.

Se vi deziras partopreni tiun renkontiĝon, skribu al S-ano Francisco M. Muñoz Garre, Carretera de Beniel 47, ALQUERIAS (Murcia).

## XXXII-a KONGRESO DE I.F.E.F.

Okazonta en America (L), (Nederlando) de la 16-a ĝis la 22-a de majo 1980.

La programo konsistos el interkona vespero, inaŭguro, fervojista kulturvespero, Diservo, Internacia balo, kunsido de komisionoj, fakprelego, plenkunsidoj, forumo, kaj du duontagaj ekskursoj al **Eindhoven**, kun vizito al «Evoluon» kaj al sonorilmuzeo en **Asten**, kaj unu tuttaga ekskurso al **Arnhem** kaj **Rhenen**.

## VII-a RENKONTIĜO DE PORTUGALAJ ESPERANTISTOJ

Niaj portugalaj geamikoj arangos la jaran renkontiĝon en **Setubal** (47 k-moj sude de Lisbono) la 13-an, 14-an kaj 15-an de junio. Setubal estas komerca kaj fiŝkaptista haveno, kaj en ĝi meritas viziton: La kastelo de San Felipe, la antikva Monahejo de Jesuo, kaj la muzeoj pri Oceanografio kaj Fiŝkaptado.

## ANTAŬKONGRESO EN GDANSK (POLLANDO)

De la 27-a de julio ĝis la 1-a de aŭgusto okazos en **Gdansk** la antaŭkongreso de U.E.A. kaj internacia seminario pri folkloro. La urbo Gdansk, konata ankaŭ laŭ la nomo Danzig havas aparte riĉan historion, ekde la 13-a jarcento. Inter la referaĵoj de la seminario estos tiu de S-ino Nemere el Torun, pri «Esperanto en la Pola Folkloro».

## XXII-a KATALUNA ESPERANTO RENKONTIĜO

La 28-an de septembro okazos en Vilanova i la Geltrú (Garraf) la 22-a Kataluna Esperanto Renkontigo. Petu informojn ĉe: Kataluna Kunordiga Komitato de H.E.F., Frenería 1, BARCELONA-2.

## I-a TUTAMERIKA ESPERANTO KONGRESO

De la 12-a ĝis la 15-a de Julio okazos en San Luis (Argentino) la unua Amerika Kongreso. Temo de la Kongreso estos Analizo de la lingvaj aspektoj en la Amerikaj Statoj. Inf. Esperanto, casilla Correo 289, 2.000 ROSARIO (Argentina).

## V-a INTERNACIA ESPERANTO RENKONTO




Okazonta en **Bydgoszcz** (Pollando), de la 28-a majo ĝis la 1-a de junio 1980. La programo konsistos i.a. el vizito de la urbo, internacia vespero, ŝipekskurso al la urbo **Torun** kaj vizito de tiu urbo kaj de ĝia etnografia muzeo, literatura konkurso por la esperanto-kanzono, internacia vespero de amikeco, balo kaj koncerto de esperanto kanzonoj por loĝantoj de la urbo.

BENCZIK, VILMOS (Redaktis)
«BAZA LITERATURA KRESTOMATIO»
Hungara Esperanto Asocio (Budapest), 1979
226p, 18x11 cm. Prezo: 475 p-toj.

«Akompana libro de la literatur-historia parto de «Gvidlibro por Supera Ekzameno», laŭ tekstas la enkonduko de Benczik, kaj vere necesa komplemento al la Gvidlibro, por havi antaŭ si kompletan panoramon de nia literaturo.

La libro enhavas prozon kaj versojn, sekvante la disvolvon de la esperanta literaturo ekde la unuaj momentoj (Zamenhof: «Mia Penso», «Ho, mia Kor'»), ĝis Johan Valano: «Cu vi kuiras ĉine?», kaj pasante tra pli ol kvindek aŭtoroj, inter kiuj elstaras la nomoj de Grabowski, Kabe, Schulhof, Privat, Mihalsky, Baghy, Kalocsay, Schwartz, la du Rossetti, Auld, Boulton, de Kock, Ribillard, ktp.

La ekzameno de tekstoj el diversaj epokoj, kompilitaj en la sama volumo, ebligas la komparon inter stiloj kaj permesas noti la evoluon de la lingvo, speciale en poezio, kie la temoj, la vidpunktoj kaj la vers-tekniko montras klare la disradiantajn avancojn de niaj verkistoj kaj, konsekvence, la elspruĉantan forton de la lingvo.

El konscia studo de tiu ĉi «Krestomatio» ni povas plenĝoje dedukti la forton de nia propra ekzisto kiel lingva komunumo, kapabla produkti tian verkistaron, kaj samtempe ni povas mediti pri la grava ŝuldo, kiun ni havas al homoj produktantaj nian literaturon.

**JES**

# EREVONO

Jen kun inversa titolo, el la angla NOWHERE (= NENIE), utopia satira verko, kiun tradukis kaj mem eldonis en 1978 Alec Ventura, sub kies pseŭdonimo AVO ankaŭ aperis, i.a., «Laŭokazaj Lingvaj Notoj». Ambaŭ verkojn disvendas Brita Esperanto-Asocio, 140 Holland Park Avenue. Londono, W 11 4 UF.

La aŭtoro, Samuel Butler, filo de pastro kaj nepo de episkopo, rezignis sian religian edukon al eklezia ofico por elmigri al Nova Zelando, kie li laboris kiel ŝaffarmisto. Reveninte al Anglujo li alterne studis pentroarton kaj muzikon, sed lia precipa okupo fariĝis la literatura verkado.

En EREVONO —lia unua verko, anonime eldonita la jaron 1872— li priskribas originalan vivokoncepton de fantazian raso, kies civilizacio soke kontrastas kun la tradiciaj moroj kaj kutimoj de ĉiuj konataj gentoj. Ekzemple: malsanulon oni tie punas, eĉ per enkarcerigo, dum inverse, ŝtelisto estas zorge kuracata en hospitalo. La aŭtoro, per sia filozofia kaj satira verkado, sukcesas teni la atenton de la leganto ekde la unuaj linioj de la 176-paĝa, bele prezentita libro.

La Esperanto-traduko estas klara kaj bonstila. Nur kelkajn kunfandojn de adjektivo kun substantivo, eĉ se jam tradiciajn, mi anstataŭus per: Bona volo, kruda materialo, malbona uzo, inkluzive bontrovon per kriterio. Ankaŭ pardonon peti mi skribus tiel, sen kunigo. Cetere plejparte kun grand, do plejgrandparte. Ne por, sed je aŭ en la unua fojo. Anstataŭ ĉefulo sufiĉas la oficiala ĉefo, kiu vorto, se adverbigita, fakte fariĝas dusenca, do escepta en Esperanto, car ĉefe = kiel cefo + precipe... Sed tio jam estas Akademia afero.

Resume, verko entute leginda, kiun bedaŭrinde la angloj nur alte taksis post la morto de ĝia aŭtoro, kio motivis la eldiron de George Bernard Shaw: «Vere la angloj ne meritas havi inter si geniulojn».

**V. Hernández Llusera**

# 36-a INTERNACIA JUNULARA KONGRESO EN RAUMA (FINNLANDO)

Certe la finna urbeto Rauma estas ankoraŭ nekonata de la monda esperantistaro, sed baldaŭ ĝi estos konata, speciale de la junularo.

Rauma situas marborde, en la sudokcidenta parto de Finnlando, 240 kilometrojn nordokcidente de Helsinki. Ĝi havas 30.000 loĝantojn kaj oni povas diri ke Rauma konservas multon el la amikeca kaj senurĝeca atmosfero, ĉar nedense konstruita je la centro, havas purajn marbordojn.

Rauma posedas gravan maristan devenon, ĉar ĝia velŝiparo en la pasinta jarcento superis tiujn de la aliaj finnaj urboj. Kiel ĉiuj maristaj urboj en la mondo, Rauma konservas de tiuj maristaj jaroj flegatajn tradiciojn: unikan dialekton, iom da propra literaturo, lignajn dometojn kaj la arton de la puntofarado, kiun la raumanoj lernis en la XVII-a jarcento kaj konservis ĝis hodiaŭ. Eĉ nune okazas ĉiujara urba festperiodo nomata «Puntosemajno». Rilate al tio, la ĉefa temo de la Kongreso estos «Popola kultura tradicio en la nuntempa mondo». Per tiu temo, oni kontribuos al la puntosemajno de Rauma kaj ankaŭ Esperanto mem fariĝos pli videbla por la eksteruloj. Pere de prelegoj kaj laborgrupaj aktivecoj oni povos kune kontaktiĝi kun la popola tradicio en diversaj landoj. Oni demandos kio restas el la popola tradicio nuntempe, kaj kiel staras la afero en aliaj landoj.

La urbo Rauma estas tre interesa. La malnova parto, meze de la urbo, estas ĝenerale konsiderata unu el la ĉefaj vidindaĵoj de Finnlando. Lignaj domoj, mallarĝaj stratoj kie daŭre funkcias vendejoj, kaj kie loĝas homoj kiuj zorgas sian domon kaj flore ornamas sian korton, altiras la atenton de la vizitantoj.




Kiel kongresejo funkcios la modernaj konstruaĵoj de la urbaj civitana instituto kaj lernejoj. La dormejoj, manĝejoj kaj kongresaj salonoj situos unu apud la alia. Kaj ne timu la malvarmon. En julio tiu parto de Finnlando havas maksimuman tagtemperaturon de 22°C kaj mezan minimuman nokttemperaturon 11° C.

Se vi deziras pli da informoj skribu rekte al:
36-a Internacia Junulara Kongreso.
Anundilankatu, 3.
SF-26100 RAUMA 10 (Finnlando), aŭ petu informojn al la Sekretario de H.E.F., Dos de Mayo, 4. VALLADOLID.

# SCIU, KE

MONDA KARUSELO, la populara magazino entute en Esperanto festas la kvin-jaran jubileon kun la aktuala numero (16). Tiu donas unikan oportunon legi la lastan intervjuon kun Kalocsay krom aliaj artikoloj.

Aleksandro Mollison daŭre gvidos la administracion kaj la abono por 4 numeroj restas je £ 1.20 brita, aŭ egalvaloro.

Numero 16 sole estas havebla kontraŭ 3 rpk. La adreso estas: 6 Rosemarkie Crescent, Broughty Ferry, Dundee DD5 2RQ, SKOTLANDO, (Britujo).

* * *

Pli da 118 naciaj kaj internaciaj aranĝoj estas indikitaj en la ĵus aperinta «TURISMA ESPERANTO KALENDARO 1980» eldonita de Monda Turismo, Turisma Servo de TEJO.

**Interesuloj.** La Kalendaron oni povas ricevi sendante du respondkuponojn al: Komisiono pri Turismo de PEA, str. M. Sklodowskiej-Curie 10, PL 85-094 Bydgoszcz, POLLANDO.

* * *

La Eldonejo Sopena preparas novan eldonon de la «LEXICON» Esperante-hispane kaj hispane-esperante.

* * *

En la numero 5/80 de la revuo «Euroforum» aperas artikolo de G. Pirlot pri «Minoritataj lingvoj kaj kulturoj».

* * *

REZOLUCIO DE UN-ASOCIOJ. La 27-a Pleno de la Monda Federacio de Asocioj pri Unuiĝintaj Nacioj, okazinta en Barcelono dum oktobro pasintjara, akceptis rezolucion proponitan de sia novzelanda filio, laŭ kiu ĝi... invitas ĉiujn asociojn pri UN kunlabori kun Esperanto-asocioj pri instigoj al edukaj instancoj kaj organizaĵoj en siaj landoj enkonduki aŭ plivastigi la instruado de Esperanto». En Barcelono UEA reprezentis L. Puig kaj J. Guiñon.

# NEKROLOGO

Recientemente nos ha llegado la triste noticia del fallecimiento del socio de nuestra Federación D. Arturo Ruiz Sánchez (q.e.p.d.) acaecido en El Morche (Málaga) el 29 de diciembre de 1979. Esperantista modelo, padre ejemplar, y excelente esposo que ha dejado un inmenso vacío en el seno familiar y para todos cuantos le conocieron.

A su esposa Doña Carmen García e hijos, les expresamos nuestra más sincera condolencia.

# PROVIZORA PROGRAMO

# XL-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO



## MADRIDO 19-24 JULIO. 1980

SABATO - 19

—Ekde la dektria horo, akcepto de gekongresanoj kaj disdonado de dokumentoj.
—Malfermo de Esperanta ekspozicio.
—Interkona vespero kun informo pri la spertoj de la lastaj kongresoj de moderna edukado kaj siaj konkludoj rilate Esperanto (Freinet pedagogio).
—Marioneta teatraĵo kun humora temo en Esperanto.

DIMANĈO - 20

—Solena inaŭguro de la kongreso en la kongresejo.
—Saluto de grupoj kiuj partoprenas en la kongreso.
—Duontaga ekskurso al la historia vilaĝo «Chinchón». Optativa partopreno en Esperanta meso.
—Arta vespero. Dum ĝi oni prezentos Esperantan filmon farita de Sro. Jaúdenes.

LUNDO - 21

—Ekzamenoj, skribaj kaj parolaj, pri Esperanto.
—Speciala klaso por komencantoj laŭ la rekta metodo (libera por vizitantoj).
—Projekcio de diapozitivoj pri vojaĝoj al grupoj Esperantistoj en Eŭropo.
—Prelego en Hispana lingvo pri «Bezono Traduki Teknikajn Vortojn Nacilingve», de la fama Hispana lingvisto Sro. Manuel Criado del Val. La konkludoj estos tradukataj al Esperanto.
—Projekcio de la pola filmo «Por Ke Homo Komprenu Homon», speciale farita por la televido. Ĝi daŭras unu horon, kaj enhavas kaj folkloraĵojn kaj Esperantajn dialogojn.

MARDO - 22

—Fakaj kunvenoj.
—Diskuto de iniciatprezentoj.
—Prelego en Esperanto.
—Optativa partopreno en oficiala verpermanĝo por gekongresanoj.
—Optativa dancado por gekongresanoj.

MERKREDO - 23

—Oficiala inaŭguro de strato, fonto, ĝardenoj, aŭ placo.
—Ĝenerala asambleo de la Hispana Esperanto Federacio.
—Diskonigo de konkludoj de la XL kongreso.
—Solena fermo de la kongreso en la Madrida parko «El Retiro», kun ĉeesto de la lokaj provincaj aŭtoritatuloj.

JAŬDO - 24

—Ekveturo al la urbo de Avila, kun oficiala saluto de la aŭtoritatuloj. Vizito de la antikva urbo.